UNUA JARO. — Nº 11. Unu Numero : 10 CENTIMOJ. DIMANĈO 5 NOVEMBRO 1905.

# ★ ESPERANTO ★

PROPAGANDA ĴURNALO POR LA LINGVO HELPA INTERNACIA

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRADO :
Sº Paul BERTHELOT
CÉRET (P.-O.) Francolando.

ABONOJ
24 numeroj sinsekvaj : 3 fr. por la tuta mondo.
10 abonoj ĉe la sama adreso : 24 fr. nur en Franclando.
Luksa eldono, 12 n-roj, 4 fr.

REDAKTADO :
Sº Ch. LAMBERT
10, str. Berbisey, DIJON (Côte-d'Or), Francolando.

Nenian administrajon sendu al la Redaktejo.

REKLAMO-ANONCOJ
Agento Ĝenerala : Sº EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

REKLAMO EN JENAJ REVUOJ KAJ GAZETOJ :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, kc., kc.*

*La numero* **12** *de* **Esperanto** *eliros*
*DIMANĈO 19 NOVEMBRO*

## MONOFERO

**Por la kalabraj suferantoj**

| | |
|---|---|
| Unua nomaro de ESPERANTO. | 55f » |
| Sº A. BÉZINGÉ, el Constantine. | 5 » |
| Un Espérantiste français (Vosges) . . . . . . . . | 10 » |
| Sº PÉLOILLE, el Parizo, *kolekto*. | 9 50 |
| — *persona ofero*. . | 3 50 |
| Sº DUCHOCHOIS, el Boulogne . | 8 » |
| Sº I,-M. FINEZ, el Dover. . . | 2 50 |
| Grupo Esperantista de *Havro*. | 10 » |
| — — de *Lyono*. | 40 » |
| Sº A. MONTROSIER. . . . . | 5 » |
| Sº John Marsh PITT, el Micham. | 3 » |
| Transsendita per Alĝeria Stelo : | |
| La *Alĝeria Stelo*. . . . . . | 5 » |
| Grupo Esperantista de *Alĝero*. | 10 » |
| Dº BRESSON . . . . . . . . | 5 » |
| S^ino ROUX. . . . . . . . | 2 50 |
| Sº ROUX . . . . . . . . | 2 50 |
| Sº AUBERT . . . . . . . | 5 » |
| S^ino MOINARD . . . . . . | 2 50 |
| Sº MOINARD. . . . . . . | 2 50 |
| Sº FOUSSAT . . . . . . . | 1 » |
| Sº Louis BOULANGER . . . . . | 1 » |
| Sumo fr. . . | 188 50 |

## PROJEKTO DE S^ro CHAPPELLIER

Multaj esperantistoj konas jam tion kion S^ro Chappellier proponis por faciligi la mondajn interrilatojn : la regnestraroj de l'mondo igus deva la ellernadon de la franca kaj angla lingvoj. Tiamaniere ĉiuj mondanoj povus korespondadi aŭ paroli en tiuj ĉi lingvoj faritaj internaciaj.

Tie ĉi estas traduko de la kelkaj paĝoj skribitaj de S^ro Chappellier mem sia *Etude anglo-française sur la langue internationale*. La ĵurnalo Esperanto plezure enpresos la kritikojn aŭ francajn aŭ esperantajn pri tiu projekto, kiujn bonvolus verki ĝiaj legantoj.

* * *

Estas neutile voli instrui lingvon internacian al ĉiuj : kiu tro entreprenas malsukcesas.

Sufiĉas — kaj la tasko estas jam peza — igi tiun internacian rilatilon uzebla nur de ĉiuj kiuj vere sentas la bezonon aŭ la deziron fondi inter si internaciajn rilatojn, ekzemple diplomatoj, misiistoj, politikistoj, administracianoj, oficiroj, negocistoj, grandindustriistoj, sciencistoj, ĵurnalistoj, artistoj, publikigistoj..., ĉio kio koncernas la korespondadon kaj la vojaĝojn, poŝtoj kaj telegrafoj, teraj kaj akvaj transportadoj, hoteloj, gvidistoj, interpretoj...

El la formantaj tiujn diversajn kategoriojn, multaj parolas jam lingvojn francan kaj anglan ; preskaŭ ĉiuj konas almenaŭ unu el ambaŭ. Kaj tiuj proporcio certe kreskos en la venontaj tempoj. Se tiuj kiuj konas nur unu lingvon volus lerni la alian, preskaŭ ĉiuj anoj de tiu parto de l'civilizita mondo havanta intereson en la uzado de internacia lingvo, posedus ilon de interkomunikado. Tiuj — ili estas malgranda malmulto — kiuj hodiaŭ konas neniu el ambaŭ lingvoj, ellernus la plej utilan por si.

Se tiu projekto efektiviĝus, la franca regnestraro, puŝita de la publika opinio, devus ordoni l'instruadon devan de la lingvo angla ; kaj same okazus en Anglujo kaj en Unuigitaj Statoj por la franca. Kaj tiam tiuj du lingvoj fariĝus tuj la nacia parolilo de 180 milionoj da homoj estantaj parto de l'eminentularo civilizita, kaj progresive poste, de 400 milionoj da aliaj homoj, nun civiliziĝantaj (kolonianoj kaj protektitoj anglaj, francaj kaj amerikaj)...

La aŭtoro insistas pri la movado al la fremdaj lingvoj, kiu freŝe iĝis en ĉiuj civilizitaj landoj kaj povas nur pliiĝi.

Tiu projekto altiras nature kontraŭdirojn, el kiuj la jena estas plej grava kaj notinda.

La aŭtoro ne kaŝas ke el sia projekto rezultus ke la franca kaj angla lingvoj fariĝus la du ĉefantaj lingvoj en la mondo ; kaj tial stariĝas antaŭ li tiu ĉi ega kontraŭo : Cu vi kredas ke la ceteraj popoloj akceptus bonvole tiun ĉi estradon de du lingvoj kaj rapidus ordoni ilian devan lernadon ankaŭ ĉe si ?

Jen respondas S^ro P. Chappellier.

Tiel ne okazos. La tri kunligitaj nacioj ne petos la ceterajn ke ili ordonu tiun devigon ; ili simple lasos sian lingvan interkonsenton efiki nature kaj laŭ la kurso de la aferoj. Prenu ni kiel ekzemplon germanan negociston kiu bezonas internacian lingvon : la realigo de mia projekto metos tiun negociston inter sian propramon kaj sian intereson. Cu li donos la venkon al sia propramo kaj ĉu, riskante ne esti komprenita, li persistos skribi germane al Francoj, al Angloj, al Amerikanoj, al la multaj kiuj akceptis mian projekton ? Ne ; li gvidiĝos prefere de sia komerca intereso, li rezignacios, kvankam malkontente, ĉu, se li konas jam unu el miaj du lingvoj — kio estas verŝajne — lerni la alian ; ĉu, se li konas nek unu nek la alian, lerni la plej profitan por siaj fremdaj rilatoj.

Mi prenis tiun ekzemplon en Germanujo, ĉar evidente en tiu lando mia projekto renkontos la plej grandan kontraŭon. Sed tiu ĉi kontraŭo ne estos unuanima, kion pruvas la jena parto de letero kiun skribis al mi, kun permeso publikigi ĝin, unu el la plej aŭtoritataj lingvistoj en Germanujo, S^ro Profesoro Martin Hartmann, en kiu li laŭdas mian projekton :

« Al mi plaĉus se mia nacia lingvo ricevus la honoron partopreni en la estrado de la mondo... Sed metante min en objektiva vidopunkto kaj kalkulante la realajojn, mi devas konfesi ke la ŝancoj de la franca kun la angla lingvoj estas senfine grandaj... Cetere mi tro fidas en la viveco de la germana popolo por timi kunligon lingvan de Francujo kaj de Anglujo ».

El la aliĝoj al sia projekto, S^ro Chappellier citas sur la unua linio, tiun de l'eminenta lingvisto S^ro Michel Breal, ano de la franca Instituto. El la du artikoloj verkitaj de S^ro Breal, S^ro Chappellier eltiras jenon :

« El la projektoj kiujn ni ekzamenis se ni devas diri kiu ŝajnas meriti la atenton de la ŝtatoviroj, tiu estas la projekto (de S^ro Chappellier) kiu duopigante ĝenerale kaj daŭre la francon kaj l'anglon, kreus altiran centron tian ke nenia civilizita popolo de l'mondo povus sin rifuzi al ĝia bonfaranta influo ».

En alia artikolo, komparante la artefaritan lingvon kun la projekto de duopaj lingvoj, S^ro Breal skribis : « En realeco, tio estas meti sur paralelaj linoj du akirojn kiuj havas nenion kompareblan. Per natura lingvo kiel l'anglo, kiel la germano, kiel la italo, vi iĝas en kontakto kun granda popolo ; vi legas ĝiajn ĵurnalojn, vi havas povon konatiĝi kun ĝiaj ŝtatistoj, pensistoj kaj poetoj. Vian moralan vivon vi pliriĉigas ; kiel diris antikvulo, vi aldonas duan animon al la via.

« Per artefarita lingvo, esperanto, blua lingvo aŭ ia ajn, vi havas — se ĉio estas plej bone — ilon por eniri la hotelojn. Plu, vi povas komuniki kun la adeptoj. Krom tiu malvasta kaj neĉiama uzado, vi havas nenion ; la lingvo, vere estas, havas neniajn malfacilajojn, sed ĝia profito estas proporcia je la peno havita. Tia estas la vero. Bone estas remeti la aferon en sian ĝustan punkton. La Turing-Klubo, prenante la esperanton sub sia protekto, tre vidis ĝian karakteron : ĝi estas esence la lingvo de la biciklo. La ciklistoj povas kunporti en sia pakaĵo ĝian gramatikon kun siaj turnilo kaj oleujo.

« La demando estas do tia : kun estas pli valora, aŭ akiri senpene lingvon kies kultureco estas tute limigita laŭ la uzantaro kaj laŭ la fruktoj ricevotaj, aŭ posedi, post konvena elspezo de tempo kaj peno, komunikilon kies valoro estas neŝatebla kaj uzado konstanta ? Ciu el ni elektu laŭ la celo kiun ni intencas trafi kaj laŭ la profitoj kiujn ni deziras ».

La projekto de duopigo de du vivantaj lingvoj ne multe progresis ĝis nun ; ĝia aŭtoro ne emociiĝas nek pri ti menta eklipso, nek pri l'triumfo iom bruanta de l'esperanto. Li opinias ke tiu ĉi freŝulo estas kiel ĝia antaŭulo la volapüko, nur brila meteoro, kiu post lumego, malaperos en la senlumo de la forgeso.

Kuraĝigita de lingvistaj aŭtoritatoj, S^ro Chappellier fidas en la valoro de sia ideo ; li pensas ke baldaŭ-nebaldaŭ ĝin akceptos la kategorio, malvasta, de ĉiuj kiuj vere bezonas internacie rilatiĝi, kaj ke ili trovos en ĝi ĉiujn profitojn kiujn oni povas postuli de internacia lingvo.

Li faras pli : li esperas ke, kiam tiu ĉi unua rezultato estos atingita, (kaj tio estas ĉefa), lia sistemo estos, eble pro puŝo de publika opinio, akceptita de kelkaj regnestraroj aŭ almenaŭ de publikaj aŭ privataj instruejoj, kaj unue de la admirindaj Universitatoj de Unuigitaj Statoj, kie la lingvo franca estas jam tiel ŝatata.

* * *

En momento presi tiun artikolon, ni legas en gazetoj ion kiu malkovras al ni novan videblajon : en superaj lernejoj de Holando kaj... Unuigitaj Statoj oni decidis instrui anstataŭ la francan lingvon *la germanan*.

CH. L.

## DIVERSAĴOJ

### ĜENEVO, LOKO DE L' 1906-A KONGRESO

*Letero de l' Komitato de la « Svisa Esperanta Societo » al la Komitato de la Ĝeneva grupo.*

Laŭfon kaj Ĝenevo 20-x-05.

Karaj amikoj !

La Komitato de l' Svisa Esperanta Societo ricevinte Vian deziron, havi en Genevo la esperantistaron por la venonta kongreso, konfidante je l' fervoro de l' ĝenevaj grupanoj, certa ke tiu Kongreso ne povas esti pli bone organizata, akceptas kun danko la oferon de Via plena agado por ĉio koncernante la organizadon de tiu Kongreso en Genevo.

Je la nomo de l'S.E.S.-a Komitato :

*La prezidanto :* *La sekretario :*
F. SCHNEEBERGER. D^ro TH. RENARD.

(Komunikata de Sº E. PRIVAT, vic-prezidanto de l' Geneva Grupo).

### PARIZA GRUPO ESPERANTISTA

*Kunvenoj dum 1905-1906.* — De oktobro ĝis julio inklusive, ĉiuvendrede je 8-a h. 3/4 vespere, en la *Sorbonne*, ĉambro Saint-Jacques (enirejo : 17, rue de la Sorbonne). Tiuj ĉi kunvenoj estas rizervataj al la Grupanoj, kiuj tre plezure akceptas ĉiujn Esperantistojn vojaĝantajn tra Parizo.

La kunveneja ĉambro estas enirebla tuj de la 8 h. 1/4, kaj oni povas legi tie Esperantajn Gazetojn.

Je la 12-a de ĉiu monato, de oktobro ĝis julio, amika festeneto ĉe la *Hôtel Moderne*, 8 *bis*, place de la République je 8 h. 1/2 vespere. Prezo 4 fr. 50. kelnerajo enkalkulita.

Kutime la julia festeneto estas anstataŭata per ekskurso en la ĉirkaŭajon de Parizo. Pri tio, oni ĝustatempe petu sciigon de l' Grupa Sekretario, S-ro V. CHAUSSEGROS, 3, place Jussieu, Parizo, kiun oni ankaŭ antaŭavertu ĉiufoje, kiam oni intencas partopreni en la festeneto.

Ĉiumerkrede, je l' 8 h. 1/2 vespere, kaj ĉiuĵaŭde je la 5 h. 1/2, sur la unua etaĝo de l' *Café de l'Univers*, 159, rue Saint-Honoré et 3, rue de Rohan, antaŭ la *Théâtre Français*.

Ĉiuvendrede, vespere ĉirkaŭ la 10 h. 1/4 post la eliro el la Sorbonne dum la lerneja jaro, kaj je la 9 h. dum la libertempaj monatoj aŭgusto kaj septembro, sur la unua etaĝo de l' *Café Soufflet*, 25, boulevard St-Michel kaj 62, rue des Ecoles.

Ĉiuj supre anoncitaj kunvenoj, krom tiuj de l' Sorbonne, estas malfermitaj al ĉiuj Esperantistoj kaj iliaj amikoj.

La novo grupo de Tours sendas al ni tiun komunikajon :

« La grupo Esperantista *Estonta Internacia* el Tours sendas ĝiajn fratajn salutojn al siaj kolegoj ĉiulandaj kaj estus feliĉa korespondadi kun alilandaj fratoj pri Esperanto, alkundukŏ de paco inter popoloj kaj detruo de la landlimoj, kaŭzo de militado.

Niaj fervoraj amikoj iras iom rapide en laboro, sed tiom multaj eras tro malrapide !

**Esperanto en nacilingvaj fantaziaj verkoj.**

Jes, ni de longe estis tiel firme konvinkitaj ke la pli bona propagandilo estus literaturoj nacilingvay verkoj en kiuj intencante efektivigi tiun ideon, ni ekverkis, jam de la lasta somero, fantazian verketon kie ni alskribis *ĉefan rolon*, al nia kara lingvo.

Se ni zorgas enpresigi ĉi-tiun sciigeton, estas nur por datume ordigi nian provajon.

R. du FAURE et M. CASAUBON
(el Parizo).

**Ekzercoj**

Ni senmanke publikigos en nia venonta numero la *ekzercojn* promesitajn al niaj legantoj kiujn multaj postulas, ilin daŭrigonte sen halto poste.

## SOLRESOL KAJ SPOKIL

Okaze de Boulogne'a Kongreso kaj de ordenado de Doktoro Zamenhof kelkaj francaj ĵurnaloj memorigis pri internacia lingvo nomita *Solresol* kaj kreita de Sudre en jaro 1817.

Kvankam S^roj Couturat kaj Leau pripalos tiun kvazaŭan lingvon en sia ŝateginda *Histoire de la Langue Universelle*, mi pensis ke al la legantoj de *Esperanto* ne malplaĉos ricevi informetojn pri tiu dirita *Solresol*.

Ĝia aŭtoro prenis kiel elementojn de sia lingvo nur la francajn nomojn de la gamo : do, re, mi, fa, sol, la, si ; kaj tiamaniere oni povis aŭ paroli aŭ skribi sur muzika liniaro aŭ notkanti siajn pensojn. Jen estas kelkaj vortoj :

| | | |
|---|---|---|
| *do* | signifas | ne |
| *re* | — | jes |
| *misol* | — | bono |
| *solmi* | — | malbono |
| *fala* | — | bona |
| *lafa* | — | malbona |
| *sisol* | — | sinjoro |
| *sisool* | — | sinjorino |
| *residosi* | — | familia patro |
| *ladore* | — | instruisto |

ktp. Kiel facile estis enpuŝi ĉi tion en sian memoron kaj teni ĝin ! Kiu dirus al mi la signifon de la komenco de la rusa himno *dŏ réré dŏ lafa*. (1)

* * *

En la ĵurnalo *Avenir du Puy de Dome* fariĝis interesa interdisputo inter partianoj de esperanto, spokil kaj bolak (aŭ blua lingvo).

Antaŭ ĉio mi donas tie ĉi la tradukon de du versoj francaj :

Mais notre liberté n'est pas une furie.
Notre muse n'est pas insulteuse.

En esperanto :

Sed nia libereco ne furiozulas.
Nia muzo ne insultadas.

En spokil :

Stu Niba nio no vai ne Kroivella.
Sfeulo no vai nio Toivella.

En bolak :

Bo nea libr nu sero an Fror.
Nea mesf nu sero snodrad.

Kio estas pli komprenebla kaj eĉ pli elparolebla ?

Sed por ke oni vidu kio estas la nuna Spokil (kvardekdua reformo de tiu lingvo), mi tradukas tie ĉi artikoleton de partiano de Spokil (se ne estas de la aŭtoro mem, S^ro Nicolas) enpresita en la franca revuo *La Quinzaine* (septembro 1905) :

« La procedo de S^ro Nicolas estas tre simpla, kvankam postulanta laboradon benediktanan. Li metas sur unu linio ĉiujn vortojn de la lingvoj kaj kunigas sub unu sola simbolo — la simbolo estas konsonanto ĉu unuobla ĉu duobla ĉu triobla — ĉiujn esprimojn rilatantajn saman ideon. Ekzemple la ideo patra de vidado, tradukita france per la radikoj plej diversaj : *videre*, *warten*, *specere*, *species*, *spectare*, *ôps*, *orama*, *ophtalmos*, *oculus*, *parere*, *lumen*, *lustrare*, kc, sen paroli pri la radikaj vortoj rilantaj apudajn ideojn : *coloration*, *bigar-*

(1) Ne kalkulante ke nur malmultaj lingvoj uzas tiujn vortojn *la*, *si*, *do*, *ré*, *mi*, *fa*, *sol*, dum ĉiuj aliaj — kaj esperanto — nomas notojn per literojn A, B, C, ktp. Vidu bonan klarigon pri tio sur la koverto de la bela valso *Esperanto* de Sº F. de Ménil.

*rure, irridescence*, kc. — tiuj ideoj estas reprezentataj en spokil per unu simbolo *ld*, kiel tiuj de l'aŭdado per la simbolo *lb*, tiuj de flarado per *lf*, tiuj de palpado per *lg*, tiuj de gusto per *lv*, kc.

La vortoj kompletiĝas per gramatika sufikso : a por la substantivoj, *o* por la adjektivoj, *e* por la verbo, kc ; de kio : *elde* vidi, *elda* vido, *olda* lumo, *olbo* sonora. »

Tiaj estas la principoj ŝajne filozofaj. Sed ne ĉiuj ideoj povas esti tiel grupitaj kaj tiel sisteme distingitaj ; niaj ideoj estas tro diversaj, tro sin intermiksantaj por tio. Kaj la esprimoj de konkretaj objektoj ? Kiaj estas, demandas *Un Espérantiste* en la ĵurnalo *L'Avenir*, kiaj estas la ideoj patraj kaj la simbolaj konsonantoj de pantalono kaj kaserolo ?

S^roj Couturat kaj Leau faras ankaŭ tiun ĉi kontraŭparolon : « Cu la leganto de Spokil estas ĉiam certa ne konfuzi la cilindron *eimz* kun la konuso *einz*, aŭ la kubo *eilj* kun la kvadrato *eilp*, aŭ eĉ ne konfuzi tiujn geometrajn figurojn kun la verso *eilb*, la brilantaj ŝtonoj *eild*, la aromoj *eilf* aŭ la sukero *eilv* ? »

Tio estas ja du el la plej gravaj mankoj de la filozofaj lingvoj, krom tio ke ni ne pensas filozofe.

KOLO.

## STENOGRAFIO KAJ ESPERANTO

Fraŭlino A. Stribick sukcesis enpresi en *La Chronique de la Sténographie* raporton pri la kongreso esperantista en Boulougne, sekvata de la difino kaj de la celo de esperanto.

La Direktoro de tiu revuo aldonis la sekvantajn vortojn, kiuj pruvos ke la gestenografistoj de la metodo Prevost-Delaunay ne estas sinrefuzemaj je esperanto :

« Ni tre dankas Fraŭlinon Adeline Stribick pro ŝia bonvola kaj interesa komunikajo. Tion farante, ni sendube en tiu ĉi okazo esprimas la unuanimajn sentojn de niaj legantoj. Car, por sin utile miksi al la homoj, bezone estas ilin kompreni kaj paroli la saman lingvon kiel ili. La neceseco de universa lingvo estas do evidenta ; ĝi sin trudas precipe al la internacia komerco. La esperanto, oni diras, ne konkurencas la nunajn lingvojn ; ĝi ne volas detronigi ilin, sed nur sin proponi kiel komunikilo.

« Ni ne persistu do plu rigardi la universan lingvon kiel utopio aŭ kiel verko de erudi-tulo ; ĝi estas antaŭ ĉio verko plene komerca kiu povas rapide doni utilajn rezultatojn, kaj dank'al ĝi, multaj el niaj gesamlandanoj povas eviti al si la kvazaŭan malfieriĝon kiun oni ĉiam sentas kiam oni ne igas sin komprenita en fremdolando.

« Ni povas nur inciti niajn legantojn lasi sin allogiĝi de la konvinko kaj argumentoj de nia korespondantino. Tion ni faras plenkore. »

## FAVORA AŬ MALFAVORA ?

La artikolo en bretona lingva, kiun vi ĉerpis el la gazeto *Ar Bobl* kaj presis en la lasta numero de *Esperanto*, vekis ankaŭ mian scivolemon. Gian francan tradukon la ĉefredaktoro de l' dirita jurnalo bonvolis sendi al mi. Tiun tekston, mi esperantigas tie-ĉi sube :

Esperanto ! ! Kia estas tiu nova vorto ? Cu ĝi estas bretona ? Ne, nek bretona, nek franca, nek angla, nek io simila en la mondo, sed nur vorto elpensita por nomi idiomon au lingvon novan, kreitan de doktoro rusa, S^ro Zamenhof.

Tiu lingvo havas en si partojn el ĉiuj Europaj lingvoj, franca, angla, germana, rusa, greka, latina. Giaj reguloj estas multe unigitaj kaj simpligitaj, kaj, laŭ komuna diro, per tiu-ĉi lingvo tre facile lernebla, ĉiuj personoj en la tuta mundo povas kompreni unu alian. Esperantista kongreso okazis, antaŭ ne longe, ĉe Boulogne-s/-Mer, en norda Francujo. Tie kunvenis homoj el ĉiuj landoj kaj rasoj, kaj oni certigas ke ili sukcesis interparoli dum tuta semajno, sen helpo de alia lingvo ajn, krom Esperanto.

Ili reprezentis eĉ teatraĵon Esperantan, en kiu ludis rolojn : du francoj, du angloj, unu germano, unu amerikano, du italinoj, unu hispanino, unu belgo, du svisoj, unu svedo, unu hungaro, kaj unu ruso. — Babelturo rekonstruiĝas ! !

Tiun tradukon mi sendas al vi ĉar mi pensas ke vi ĝin legos plezure. Gi eble povus ankaŭ plezurigi vian legantaron, ĉar, eĉ pri Esperanto, artikolo en bretona lingvo estas vera kuriozajo. G. CHALOT.



## PRI LA VORTARETO

En antaŭ parolo de nia vortareto Esperanto-Esperanta ni atentigis la leganton pri la konfuzo bedaŭrinda kiun enmetas en nian lingvon kelkaj — tre malmultaj — verboj kiuj estas en Esperanto aktivaj, dum ilia natura senco estas neŭtra. Tiel **ruli, turni** havas sencon tian ke en Esperanto estas neeble diri unuvorte ke la teros faras, la movojn rezultantajn el tiuj agoj, ĉar *turniĝi* kaj *ruliĝi* havas tute alian sencon.

Tion oni rimarkigis jam de longe — malfeliĉe, ĉar se oni ne rimarkigus, ĉio estus aranĝita de si mem — ni mem studis tuin demandon kaj estis antaŭgarditaj kontraŭ tio... tiel bone ke ni falis en ĝi !

Efektive, verbon *bruli*, sendube pro simileco kun *ruli*, kelkajn aŭtorojn uzas malprave en senco aktiva, (tiel en *brulebla*). Por kompari ni preparis du redaktajojn de l'artikolo **bruli**, kaj presigis... la malbonan.

Niaj legantoj volu do korekti kiel jene :

**bruli 1** esti detruata per fajro = lia domo brulis, alkoholo estas brulema |**-igi** : detrui per fajro = bruligi paperon, ligno estas bruligebla | **ek-igi** : inciti bruliĝon per almetata flamo, varmego, kc. = ekbruligi pulvoron, meĉon, kc.

Plej ĝenerale, oni diras ke ia ŝtofo *bruliĝas* alian, kiam ili ĥemie kombiniĝas eldonante varmon kaj lumon ; se unu estas gasa, la alia brulas en ĝi. Tiel karbo brulas en okso, arseno en kloro, kc. Kutime oni diras ke io brulas kiam ĝi tute aŭ parte kombiniĝas flame*, lume kaj varme kun la okso de l'aero.

Feliĉe, atenta leganto rimarkigis al ni tiun gravan eraron antaŭ kiam la unua kajero de nia vortaro estus presita. Tiu kajero do ne enhavas la diritan eraron. Niaj *luksaj* abonantoj ĝin ricevos senpage, aliaj legantoj ĝin ricevos kontraŭ fr : 0,35 afrankite en ĉiu lando.

P. BERTHELOT.

## BIBLIOGRAFIO

*Tra la Mondo*. — La IV^a numero, kiu jus aperis, enhavas impresan elvokon de la rusa-japana milito. Dokumentita je l' plej certaj fontoj dank' al interesaj leteroj de rusaj oficiroj kaj inĝenieroj, tiu artikolo montras atentinde la intimajn sentojn kaj la karakteron de l' batalintoj. Gi estas plenigita de illustrajoj multaj, grandaj kaj pleje interesaj, inter kiuj amuziga karikaturo de l' komenco de la milito.

Kurioza japana rakonto, lerte tradukita de D^o Gambier, gajninto de l' unua premio de l' konkurso de « Annales politiques et littéraires », transportas nin spirite, kaj vide dank' al japanaj illustrajoj, en la flavan landon.

Fine la « Rememoroj » de inĝeniero Kazi Girej elvokas familiajn kaj simplajn morojn de Svedujo, pri kiu la artikolo enhavas vivajn pentrojn. Vigla kroniko finas la numeron, konservindan memorajon pri rusa kaj japana landoj.

Preparataj, numeroj pri Kristnasko kaj Novjaro, tre artiste ilustrotaj per originalaj desegnoj speciale verkitaj por la revuo.

(Vidu la anoncon por la abonkosto).

## LETERFAKETO

*S^roj G. G. kaj A. B. en Paris*. — Nenia preseraro estas en la unua frazo de la esperanta artikolo de l' numero 9 titolita Enkonduko de Esperanto. Mi skribis : La enkonduko de l'esperanto en la sciencan literaturon alfrapas al ĉirkaŭbarilo, kiun formas la esence kolektiva karaktero de la penado farata por plenumi ĝin.

Eble la metaforo ne estas klara : por ke plenumiĝu la enkonduko de esperanto en la literaturon sciencan, necese estas ke ĉiuj aŭ almenaŭ la plimulto da sciencistoj konu esperanton ; do tiu enkonduko bezonas penadon kolektivan. Sed tiu kolektiveco ne ekzistas ; do la neceseco de kolektiveco estas kvazaŭa ĉirkaŭbarilo metita ĉirkaŭ la literaturo scienca, baranta la vojon al la enkonduko de esperanto en tiun ĉi literaturon.

Cetere mi provis proksimume traduki tiun ĉi frazon de la originale teksto : L'introduction de l'esperanto dans la littérature scientifique se heurte au cercle vicieux que noue le caractère essentiellement collectif de l'effort à déployer pour l'opérer.

## NIA KONKURSO

Niaj legantoj, oni kredus, ne komprenas tre bone nian proponon, kaj petas klarigojn. Estas tre simple : *tiu, kiu estos sendinta al ni pli da abonoj antaŭ fiksota dato ricevos kiel premio unu bicikleton*. La aliaj havos ankaŭ bonan memorilon de la konkurso.

Kial do nur kelkaj legantoj timeme partoprenas la konkurson ? Ni ne faru al ni iluziojn : la francaj esperantistoj estas ankoraŭ malmultaj, tial ni ne ricevos montojn da abonoj. La gajnanto sukcesos kun 30, 25 aŭ malpli, tio estas ke li gajnos luksan bicikleton por malpli ol 100 fk... elspezitaj de siaj konatoj.

Antaŭen, kaj iom da fervoro !



## POR PROPAGANDO

Ni havas kelkajn nevenditajn numerojn resenditajn de la vendistoj kaj tenejistoj. Tiuj ekzempleroj estas ne tre freŝaj, iom flaviĝintaj au makulataj, sed ankoraŭ tre taŭgaj por propagandaj celoj, kiel senpaga disdono, intenca perdo en legejoj, vagonoj, atendaj salonoj, por la hospitaloj kaj por ĉio kion povas eltrovi penso de lerta propagandisto. Ni povas ilin liveri *afrankite ĉe domo* por la jenaj prezoj :

| POSTPAKETO DA : | DUAELEKTO | UNUA ELEKTO |
|---|---|---|
| 3 milgramoj (ĉirkaŭ 150 jurnaloj.) | 2 50 | 4 »» |
| 5 milgramoj (ĉirkaŭ 250 jurnaloj.) | 3 70 | 6 20 |
| 10 milgramoj (ĉirkaŭ 500 jurnaloj.) | 6 50 | 11 50 |

Supera elekto : tute freŝaj ekzempleroj. Unu cento : 6 fk., poŝto plie.



lian kulpecon ; mi -igas al vi (aŭ vin), ke...
**cervo** mam. *(cervus elaphus)* | **norda** - : mam : *(rangifer)*.
**cetera** kiu estas ekster la nombro de la konsiderajoj = kelkaj birdoj falis je la pafo, la ceteraj forflugis | **-i** : resti = ceteras multo farota.

*Cetera* rilatas nur la nombron, *alia* la kvaliton. Ekz. el ludkartaro mi prenas kelkajn ruĝajn kaj lasas la ceterajn (ruĝaj aŭ ne) — mi prenas ĉiujn ruĝajn kaj lasas la aliajn (kiuj ne estas ruĝaj).
La esprimojn *kaj ceteraj, kaj cetere*, oni skribas mallonge : kc, aŭ &c.

**cezio** metala ŝtofo (Cz = 131,9)
**ci** pronomo de la dua persono ununombra, formo neĝentila | pli ofte oni uzas *vi**.
**ciano** ĥemia komponajo, nitrokarbido CN | **-a acido** : cianhidrido, acido cianhidrata.
**cibeto** mam. (*viverra civetta, zibeth*).
**cicero** veg. *(cicer)*.
**cidonio** speco de pomarbo *(cydonia)* | **-pomo** : frukto de -.
**cidro** pomvino.
**cifero** signo de nombro. v. *numerado*.

La ciferoj uzataj en sistemo dekopa estas : — 0 (nul) — 1 (un) — 2 (du) — 3 (tri) — 4 (kvar) — 5 (kvin) — 6 (ses) — 7 (sep) — 8 (ok) — 9 (naŭ) — al kiuj oni aldonas por sistemo dekduopa (duzopa) : — Ƭ (dek = 10) — kaj — Ɣ (elf = 11).

**cigaro** rulajo de tabakfolioj | **-edo** : cigareto vindita en papero.
**cigno** birdo *(cycnus)*.
**cikado** ins. *(cicada)*.
**cikatro** postsigno de vundo | **-iĝi** : sin fermi, saniĝi, pri vundo, brulo, kc.
**cikonio** birdo *(ciconia)*.
**cikorio** veg. *(cichorium intybus)*.
**cikuto** veg. *(cicuta)*.
**cilindro** geometria figuro formata per translokigo de rekta linio ĉiam paralela al direkto fiksa.
**cimo** ins. *(cimex lectuarium)*.
**cinabro** natura ruĝa merkursulfido.
**cinamo** arbo *(cinnamomum cassia)* |**-basto** : spicajo.
**cinĉono** arbo *(cinchona)*| **-ajo** : kontraŭ febra ŝtofo tirita el basto de - ; v. *kinino*.
**cindro** nebrulebla restajo el brulajo | **-kolora** : hele griza.
**cipreso** arbo *(cupressus)*.
**cirkelo** ilo por desegni rondojn.
? **cirko** ronda teatro | ? **cirkonferenco** : rondrando, rondlinio | ? **cirkuli** : rondiri | ? **cirkulero** : rondiranto, noto, avizo.
**cirkonstanco** specialajo de okazo = agi laŭ la -oj ; la retorikistoj diris ke -oj respondas al la demandoj :

kiu ? kio ? kie ? per kio ? kial ? kiel ? kiam ?

**ciro** ŝmirajo por briligi ledon = nigra -, flava - | **-i, -umi** : briligi per ciro.
**citi 2** legi aŭ diri parkere pecon de verko ia kiel apogo de propra argumentado | **-ato** : peco citata.
**citro** muzikilo skrapkorda = harpo, liro, gitaro, mandolo, kc. estas citroj.
**citrono** frukto de -arbo *(citrus)*.
**civila** propra al homo vivanta en supera stato socia = rilatoj -j, manieroj -j ; ĝentileco estas kvalito, -eco estas devo, eĉ rilate malamiko.

mb. : nemilita, nereligia, ŝtata, kc.

**civilizi 2** civiligi, tiri el sovaĝeco, klerigi, altigi la staton socian = la devo de koloniantoj estas -, kaj ne esploti | **-acio** : civiliza, -eco, -ado, -igo, -iĝo, kc.
**colo** rusa mezuro = 2 cm. 1/2.
**Ĉ** (tŝo) konsonanto duobla plauda-blova muta.
**ĉagreni 2** kaŭzi akran malĝojon, malkontenton = lia malbona konduto -as lian patrinon | **-iĝi** : malkontentiĝi = pro honto ŝi mortige -iĝis | **-o** : malkontento = via neĝentileco kaŭzis al mi grandan -on ; malĝojego silentas, ĉagreno plendadas | **-a, -humora** ; malĝoja, malkontenta, plendema.
**ĉambro** apartigita parto de loĝejo = dormo-, manĝo-, labor-.
**ĉamo** mam. *(rupicapra tragus)*.
**ĉano** pafilarto : esplodiga frapilo.
**ĉapelo** bordhava kapvestajo.
**ĉapo** senborda kapvestajo ne kovranto orelojn, *(v. kufo)* kun aŭ sen sunŝirmileto = nokta –, fera -, milita -eto.
**ĉar** konjunkcio : pro tio ke, tial ke, kc. = donu al birdoj akvon, - ili volas trinki ; - ordinare ĉiu amas personon kiu estas simila al li, tial... ; la trančilo trancas bone, - ĝi estas akra ; -, tio ĉi estis feino.
**ĉarmi 2** efiki plezuran impreson, altiri, allogi per agrableco : Orfeo -is la brutojn per siaj kantoj ; tiu knabino havis ĉarman vizaĝon.
**ĉarniro** aparato artika, ordinare metala, kiu kunligas parton fiksan kun parto movebla ĉirkaŭ akso nomata *ĉarnira akso* : - de kovrilo (kun skatolo) ; – de pordo ; – de klapo.
**ĉaro** veturilo | kompone ; ĉareto, ĉaraĉo, tramĉaro, kc.
**ĉarpento** trabajaro.
**ĉarpio** fadenajo, stupajo ricevita per malteksado de tolajo.
**ĉasi 2** persekuti por kapti, por mortigi = - cervon, - perdrikon, - balenon ; vulpo -as en arbaro, aglo -as en aero, ezoko -as en akvo|**–ajo** : produktajo de ĉaso = manĝi -ajon | kompone : ĉasisto ; ĉashundo, ĉasbirdo, ĉasputoro *(putorius furo)*, bestoj utilaj en ĉasado ; ĉaskorno, ĉasdometo, kc.
**ĉasta** konforma, pense kaj fare, al la kutimoj, reguloj kaj leĝoj moralaj = fraŭlino – ; amo - de fratino ; –aj edzoj.
**ĉe** prep. : montras diversajn rilatojn de apudeco | loko = li estas - mi ; venu - min ; sidi - tablo ; porti lanan veston - haŭto ; ĉeestis ducent aŭdantoj | tempo = ĉe tago, - l'vivo ; – tiuj paroloj, - l'unua rigardo ; trompi – la dividado.
**ĉefi 1** esti ĉe l'unua rango ; superi aliujn pro graveco, aŭtoritato, povo, kc. = la sincereco devas – en ĉio | **-a** : plej grava, precipa = la –a danĝero estas la timo ; la –aj personoj de la urbo | kompone : ĉefanĝelo ; –pastro, -episkopo ; –urbo ; –redaktoro, kc.
**ĉeko** speco de trato* banka | **– strekita aŭ ĝirita** : ĉeko kie la nomo de la persono je kies profito oni ĝiris, estas skribita sur la antaŭa flanko, inter du strekoj.

Vidu. sur sekvanta paĝo, modelojn de ĉeko simpla kaj ĉeko strekita ; tiu lasta... portas, ĉe dorso, la jenan ĝiron :
*Pagu laŭ ordono de*
*S^o Morel, 142, St. Billot, Paris II.*
Lyon, la 25 de Julio 1906.
MALLET.

**ĉelo** apartajeto, fako = celo de mieltabulo, de pulmo, de osto | **-ajo, –aro** : komponajo el ĉeloj apudaj : ligna ĉelajo, vaksa ĉelaro.
**ĉemizo** ĉehaŭta vestajo de la supra parto de l'korpo.

Modelo de ĉeko :

Konto nº 2.155. *FR.* ________
La ____ de ______ 190
KONTORO DISKONTA PARIZA
*Pagu (al mi mem, al portanto, laŭ ordono de S^o* ________)
*la sumon da* ________ *(tutlitere)*
Firmo :
S^o nº 27.150.

Modelo de ĉeko strekita :

Konto nº 2.155. *FR.* **1.000**
La 15 de Marto 1906,
KONTORO DISKONTA PARIZA
FILIO EN LYON
*Pagu laŭ ordono de S^o Mallet*
*la sumon da* **mil frankoj.**
Pagebla al S^o Morel 142, St. Billot, Paris.
MARTIN et C^ie LYON.
S^o nº 27.150.

**ĉeno** ligilo formata de ringoj metalaj kun kroĉitaj | **-ero** : ĉiu el tiuj ringoj | **-bloko** : rado kies rando estas dentumita tiel ke ĉiu dento respondas al ĉenero de speciala ĉeno.
**ĉerizo** fructo de -arbo *(cerasus vulgaris)*.
**ĉerko** kesto de mortinto | **-ajo** : tombo, konstruajo difinita por enteni ĉerkojn.
**ĉerpi 2** elpreni, eltiri = ĉerpi akvon el rivero, ideon el libro | **-ilo** : vazeto, sitelo por elpreni : - ilo de puto.
**ĉesi 1** ne daŭri en sia ago aŭ stato = ĉesi paroli, - vivi ; se Dio ne estus justa, li –us esti bona | **-igi** : meti finon al = ĉesigi paroladon, vivon, eldonadon, kc.
**ĉevalo** mam. *(equus caballus)* | kompone : ĉevalino, –ido, -eto, –aĉo ; ĉevalisto, –ejo, kc.
**ĉi** montras apudecon = tie –, aŭ : – tie = en tiu loko apuda de ni ; tiu - aŭ : - tiu = tiu kiu estas proksime (loke aŭ tempe) ; tiel –: je tiu maniero, kiun oni jus priskribas ; – apude ; – entenate ; mi sendas al vi per – ; la ĉitieaj homoj ne estas sociemaj.
**ĉia** adj. ĉiuspeca, kia ajn = malgraŭ ĉia ebla rimedo ; – floro havas propran odoron | **-loke** : en kia ajn loko – mi estas bone – | **–okaze** : kia ajn estas la okazo = mi ne scias, ĉu mi venos morgaŭ : – mi skribos al vi | v. *ĉiu*.
**ĉial** adv. pro ĉiu kaŭzo.
**ĉiam** adv. en ĉiu tempo, dum la tuta daŭro konsiderata | **–a** : senfina = li promesis al ŝi –an amon.
**ĉie** adv. ĉiuloke.
**ĉiel** adv. je ĉiu maniero | **Rim.** : akcentu bone **ĉíel**, por distingi de
**ĉielo** la spaco tuta = la – estas senlima | ŝajna kurbajo fiksa super niaj kapoj = stelo en nokta – ; la – estas nuba | teol. : feliĉejo ; **–iro de Kristo, de Mario** : festoj religiaj | **–bluo** : koloro de pura taga –.
**ĉies** de ĉiu, al ĉiu = kies estas

PREMIÈRE ANNÉE. — N° 11. Le Numéro : 10 CENTIMES. DIMANCHE 5 NOVEMBRE 1905.

# ★ ESPERANTO ★

JOURNAL DE PROPAGANDE POUR LA LANGUE AUXILIAIRE INTERNATIONALE

DE L. L. ZAMENHOF

ADMINISTRATION :
M. Paul BERTHELOT
CERET (Pyr.-Or.) France.

ABONNEMENTS
24 numéros consécutifs, 3 fr. pour le monde entier.
10 abonnements à la même adresse : 24 fr.
Edition de luxe : 12 numéros, 4 fr.

RÉDACTION :
M. Ch. LAMBERT
10, rue Berbisey, DIJON (Côte-d'Or).

N'envoyer à la Rédaction rien de relatif à l'Administration.

PUBLICITÉ-ANNONCES
Agent Général : M. EMILE GASSE
59, Phalsbourg, LE HAVRE (Seine-Inférieure).

PUBLICITÉ DANS LES JOURNAUX ET REVUES SUIVANTES :
*Espero Katolika, The Esperantist, La Brita Esperantisto, La Germana Esperantisto, La Svisa Espero, La Juna Esperantisto, Esperanto Rusa, etc., etc.*

*Le numéro* **12** *de* **Esperanto** *paraîtra*
*DIMANCHE 19 NOVEMBRE*

## L'ESPERANTO EN ANGLETERRE

S'il est une nation qui pourrait, avec quelque apparence de raison, combattre l'Esperanto, c'est bien l'Angleterre.

Voilà un pays dont la vie extérieure est éminemment commerciale, dont l'idiome est plus que tout autre répandu aux quatre coins du monde. On pourrait presque dire que l'anglais, à l'heure actuelle, est la langue internationale ; en tout cas, il tient la tête et de beaucoup dans la lutte séculaire pour la conquête du marché mondial.

Alors que bas bleus et des philosophes en pantoufles proclamaient en France et en Algérie que les espérantistes français risquaient sottement d'amoindrir à l'extérieur le patrimoine moral de leur patrie, que faisaient les Anglais ?

Comme toujours et pour tout, nos voisins réfléchissaient avant de parler ; ils examinaient avant de critiquer ; ils cherchaient un moyen de concilier avec leurs intérêts ce mouvement nouveau.

Jusqu'en 1902, c'est presque hier, les Anglais ont regardé sans rien dire. Ils ont reconnu que dans tous les pays du monde l'Esperanto marche à pas de géant.

Des Chambres de commerce, des Sociétés privées, telles que l'International Society », la « Society of Commerce and Arts », ont fait des enquêtes : Une langue internationale est-elle possible et désirable ? Qu'est-ce au juste que cet Esperanto ?

Le résultat fut que l'Esperanto avait paru d'une facilité inouïe et que l'on pouvait entrevoir dans un avenir prochain que cet Esperanto, généralement employé pour les relations internationales, concurrencerait dangereusement l'anglais.

— Alors, dirent les Anglais, il n'y a qu'une chose à faire : apprenons, nous aussi, l'esperanto.

Quelques hommes très distingués : des professeurs, des instituteurs, des journalistes, des pasteurs se mirent à l'œuvre. Mais il ne fallait pas se lancer à l'aventure !

On fit parvenir à M. A. T. Quiller-Couch, un romancier anglais très connu, la collection des livres d'étude et des ouvrages espérantistes avec une petite lettre : « Etudiez bien tout cela, puis quand vous aurez tout lu, tout examiné, mais alors seulement, dites-nous ce que vous pensez de l'Esperanto. »

Et voici ce que répondit le célèbre romancier : « L'Esperanto, certes, a le mérite que doit avoir une langue internationale : il est admirablement simple. Je suis émerveillé de la facilité avec laquelle on peut le traduire et de la précision avec laquelle il permet d'exprimer tout. Je crains que les efforts pour faire mieux restent désormais vains pendant bien longtemps. »

Deux des espérantistes anglais de la première heure partirent pour Boulogne-sur-Mer dont le groupe était déjà très important. A leur retour, ils déclarèrent à leurs collègues : « Les Français prononcent comme nous ; toutefois nous mangeons trop les syllabes finales, il faut nous appliquer à accentuer moins les syllabes fortes et davantage les syllabes non accentuées. »

Les Anglais se sont donc mis à faire de l'Esperanto. Les Anglais ne font jamais les choses à moitié.

En mai 1905, il y avait déjà 44 groupes britanniques et 8 cours à Londres seul. Il y a plus de vingt groupes en formation ! A l'issue du Congrès de Boulogne, où les Anglais se firent remarquer par leur compétence et par leur nombre, un de leurs délégués s'écria : « Nous sommes partis les derniers, mais nous vous rattraperons tous ! »

A ce Congrès de Boulogne, il y avait une vieille dame de quatre-vingts ans, Miss Warlow qui avait voulu montrer à ses compatriotes qu'à cet âge-là un sujet anglais peut encore apprendre l'Esperanto.

Les principaux groupes de province sont : Southampton, Canonberry, Chippenham, Folkestone (subventionné par la Chambre de Commerce), Douvres (subventionné par la Chambre de Commerce, et dont le président est le maire de l'endroit), Aberdeen, Hastings (Comité d'instituteurs et de pasteurs), Deal (présidé par le maire), Blackpool, Cheltenham, Kensington (très nombreux) ; Plymouth, Devenport et Stonehouse, qui sont fédérés, etc., etc.

Plusieurs de ces groupes ont leur journal spécial ; le plus important est *The British Esperantist*, organe de la « Brita Esperantista Asocio », qui est répandu dans le monde entier.

En Angleterre, le nombre des dames espérantistes est très important. C'est une chance considérable de succès : déjà l'on peut lire dans les feuilles d'annonces anglaises, que des mamans recherchent pour leurs jeunes filles en vacances des « family houses » où elles puissent acquérir la pratique de l'esperanto. Réciproquement, des « family houses » offrent leurs services.

Parmi les hommes il y a énormément d'instituteurs. Récemment le *Scool World* publiait un article très remarquable sur l'utilité que peut offrir l'Esperanto pour apprendre les langues étrangères. Une langue aussi simple, aussi facile, aussi logique que l'Esperanto a une haute destinée, il faut se hâter de l'introduire avec l'enseignement. » — « Les essais ont beaucoup intéressé les élèves ». — « Il est manifeste que ceux qui ont fait de l'Esperanto ont acquis une aptitude spéciale pour les langues étrangères ».

Une petite Compagnie maritime anglaise a organisé, pendant les dernières vacances, des « Voyages circulaires espérantistes : Calais, Boulogne, Douvres, Folkestone, Dale ». Ces cinq villes sont en effet d' « ardents foyers d'espérantisme ». Les dits voyages circulaires ont donné lieu, en août 1904-1905, à de chaleureuses manifestations franco-anglaises.

Fait bien significatif : l'Amirauté de Douvres salua comme un drapeau national l'étoile verte de l'espérantisme.

Comme dans tous les pays d'Europe, les socialistes anglais s'intéressent vivement à l'Esperanto. Une revue mensuelle socialiste va commencer, en octobre prochain, à paraître en esperanto, sous la direction de John Kent.

Encore un mot : Sur l'initiative du groupe de Plymouth, une pétition circule, demandant au Gouvernement d'introduire officiellement l'Esperanto dans les écoles.

Espérons que les espérantistes anglais ne tomberont pas sur quelque Albin Rozet.

VERDA-STELO.

* * *

Comme suite à cet article nous donnons ci-dessous quelques extraits de la presse anglo-américaine, au sujet du Congrès. On remarquera la franche bonhomie de leur accueil.

Quelques-uns des correspondants des journaux de Londres sont enthousiastes sur les succès du Congrès Espérantiste de Boulogne. L'aise avec laquelle les hommes et les femmes de toutes les nations et langues se trouvent en état de communiquer pour la première fois sans l'aide d'un interprète étonne tout le monde. Pour la plupart des membres du Congrès, écrit W. T. Stead dans le *Daily News*, « il n'y avait pas d'accroc nulle part, du commencement à la fin ». Tout le monde était ami avec tout le monde, hommes et femmes, qui sans le lien de cette nouvelle langue seraient restés totalement étrangers, et semblèrent être devenus soudainement des amis de vieille date.

* * *

La *Confrérie du Bouton-Vert* qui écrit le premier chapitre de l'Histoire espérantiste au grand Congrès de Boulogne, tint son « *granda Esperantisto Koncerto* » la nuit dernière au Théâtre Municipal, écrit le correspondant de Boulogne au *London Express*. *L'Espero*, hymne international du Dr Zamenhof, avait de nouveau la place d'honneur et fut suivi par *paroladoj* de *kantoj* (chansons), *monologoj* (récitations) et une adaptation espérantiste d'une comédie de Molière, *Le Mariage forcé*, annoncée comme *unuakta komedio*.

L'exécution donna une excellente idée du caractère tout cosmopolite du Congrès.

Il n'y a pas de doute que l'auditoire ne comprit chaque mot, et les traits d'esprit de Molière furent reçus par des tempêtes de rire.

Une chanson comique, par M. Hulme, d'Angleterre, fut nettement humoristique. Elle était intitulée : *Plu kreskis la barbo*, ce qui en anglais familier signifie : *Still his whiskers grew* (et sa barbe poussait toujours). Le stock d'esperanto de M. Hulme finit au milieu du morceau, mais il sortit bravement son manuscrit et finit au milieu d'applaudissements bien gagnés.

L'après-midi fut employée au champ de course de Wimereux où les Espérantistes étaient les hôtes du Comité des courses. « *Horses racers* » dans le nouveau langage est un peu étonnant : *ĉevalkuradoj*, mais le mot ne semble pas présenter de difficultés particulières aux initiés.

Je demandais à un éminent espérantiste comment il rendrait l'expression *two to one bar one*, (deux à un, j'en barre un) et il y renonça quoiqu'il maintint que cela pourrait être traduit si quelqu'un avait du temps à perdre, *Indeed !* Les plus hautes mathématiques ont reçu une bonne dose d'attention des écrivains espérantistes et déjà une œuvre est sur le chantier avec *aritmetiko, algebro, geometrio*.

* * *

L'invasion de Boulogne par la Confrérie des Boutons-Verts n'est pas, malgré tout, sans ses *tragediæ minores*. Je rencontrai un jeune homme, ce matin, assis sur les marches d'une cabine de bains, avec le désespoir empreint sur son visage ouvert. Sur ses genoux était un dictionnaire français-anglais et un exemplaire d'un certain manuel de français. Il paraît qu'il avait étudié le français pendant deux ans à Londres sous un maître expert et avait fait ce jour-là son premier voyage en France, avec l'intention d'éprouver son habileté.

Il avait approché cinq hommes dans la rue et leur avait lancé des phrases françaises préparées minutieusement à l'avance. Apparemment ils n'avaient pas la connaissance du français et expliquèrent la situation en Esperanto avec volubilité. Le jeune aspirant était dans les profondeurs du désespoir, croyant entièrement que sa prononciation était très mauvaise et qu'il devrait recommencer à nouveau ses études. Il avait quelques mots d'esperanto écrits sur un morceau de papier et essayait vainement de les trouver dans son dictionnaire français.

* * *

Le Dr Zamenhof eut une réception ébouriffante à un banquet donné en son honneur au Casino, auquel assistèrent plus de cinq cents convives. Le petit docteur fut *toasté* dans cinq cents verres de *ĉampanvino Zamenhof*, les convives debout sur leurs chaises et hurlant à se rendre aphones...

(New-York, *The Evening Mail*. Aug. 26. 05.)

Chaque membre portait une étoile verte à sa boutonnière. Par suite, les étoiles vertes étaient aussi denses que les feuilles d'automne dans *Vallombrosa*, éclipsant presque les rubans rouges dans Paris...

(*New-York Herald*).

## POIGNÉE DE NOUVELLES

**GROUPE ESPÉRANTISTE DE PARIS.** — *Réunions en 1905-1906.* — D'octobre à juillet inclus, tous les vendredis à 8 h. 3/4 du soir, à la *Sorbonne*, salle Saint-Jacques (entrée : 17, rue de la Sorbonne). Ces réunions sont réservées aux membres du Groupe qui sont très heureux d'y recevoir tous les Espérantistes de passage à Paris.

La salle est ouverte dès 8 h. 1/4 et l'on y peut consulter les journaux espérantistes.

Une circulaire spéciale prévient de la reprise des séances en octobre.

Le 12 de chaque mois, d'octobre à juillet, diner amical à l'*Hôtel Moderne, 8 bis*, place de la République, à 7 h. 1/2 du soir, au prix de 4 fr. 50, service compris.

Le diner de juillet est généralement remplacé par une excursion aux environs de Paris : se renseigner, pour ce mois, au Secrétaire du Groupe, M. V. CHAUSSEGROS, 3, place Jussieu, que l'on est également prié d'avertir chaque fois qu'on a l'intention d'assister à l'un des diners.

Tous les mercredis soir à 8 h. 1/2, et tous les jeudis soir à 5 h. 1/2, au premier étage du *Café de l'Univers*, 159, rue St-Honoré et 3, rue de Rohan, en face le Théâtre Français.

Tous les vendredis soir, vers 10 h. 1/4, à la sortie de la Sorbonne pendant l'année scolaire, et à 9 h. pendant les vacances (août et septembre), au premier étage du *Café Soufflet*, 25, boulevard St-Michel et 62, rue des Ecoles.

Toutes ces réunions, à l'exception de celles de la Sorbonne, sont ouvertes à tous les Espérantistes et à leurs amis.

* * *

Nous publierons dans notre prochain numéro la liste complète des cours d'Esperanto donnés à Paris.

* * *

**Groupe espérantiste d'Alger et de l'Afrique du Nord.** — Le Comité a l'honneur d'informer le public que les cours d'esperanto auront lieu, à partir du 23 octobre courant, les lundi et vendredi de chaque semaine, à huit heures et quart du soir, dans le salon de lecture du Comité d'hivernage, rue Combes

Lundi, cours supérieur. Vendredi, cours élémentaire.

Ces cours sont gratuits pour les membres du Groupe. Les autres personnes qui voudront y assister devront payer un droit d'inscription de un franc.

Adresser les demandes d'inscription au siège social, 8, rue Ledru-Rollin, Alger.

* * *

**Groupe espérantiste d'Orléans.** — Jeudi soir a eu lieu, salle Hardouineau, la réunion que nous avions annoncée, et qui avait pour but de fonder un groupe espérantiste à Orléans.

M. Longaud, directeur de l'Ecole professionnelle, a exposé le but de la réunion et a soumis un projet de statuts, qui a été adopté.

Le comité, composé de six membres, est formé comme suit : Président, M. le docteur Dufour ; vice-présidente, Mad de Villaret ; secrétaire, M. Longaud ; trésorier, M. Faugouin ; membres, Mlles Reine et Cros.

Le Comité a été chargé de s'assurer le concours d'un conférencier, qui viendrait à Orléans, à la séance d'ouverture du cours gratuit d'esperanto qui sera professé cet hiver.

MM. le Maire d'Orléans, le président de la Chambre de commerce et l'Inspecteur d'académie ont été nommés présidents d'honneur du groupe espérantiste.

* * *

**Les cours d'Esperanto à Angers.** — La séance publique de rentrée des cours a eu lieu sous la présidence de M. Joxé, maire d'Angers, le jeudi 26 octobre, à 8 heures du soir, dans la salle des cours municipaux, rue du Musée.

Voici le programme des cours :

1° *Cours élémentaire.* — Professeur, M. Muffang, agrégé de l'Université, professeur au Lycée.

Tous les jeudis, à 8 heures du soir, salle des cours municipaux, rue du Musée.

Premières notions, exercices d'application, préparation au certificat d'études (Atesto pri lernado).

2° *Cours supérieur.* — Professeur, M. Galard, président du groupe espérantiste d'Angers.

Tous les lundis, à 8 heures du soir, à l'ancienne Cour d'appel d'Angers, place des Halles.

Lecture, conversation, exercices de rédaction et de traduction, préparation au certificat d'aptitude (Atesto pri kapableco).

* * *

Le Groupe Espérantiste de Tours, fondé depuis quelques mois seulement, avait organisé le dimanche 22 octobre, une conférence publique qui a obtenu un vif succès.

Le conférencier, M. Bourlet, président du Groupe Espérantiste de Paris, a fait ressortir, pendant près de 2 heures, toutes les finesses, tous les avantages, et toutes les beautés de l'Esperanto, avec un humour et une aisance extraordinaires, mêlant les anecdotes plaisantes aux arides explications grammaticales.

Au cours de cette conférence, *La Vojo* a été superbement chanté par Mme Guivy, professeur d'esperanto.

A la sortie, de nombreuses personnes se sont fait inscrire au Groupe.

Deux cours gratuits hebdomadaires seront très prochainement ouverts, l'un pour les dames et les jeunes filles, l'autre pour les hommes et les jeunes gens.

Enfin un cours supérieur aura lieu le troisième dimanche de chaque mois au Palais du Commerce, siège social du Groupe.

* * *

Le nouveau groupe de *Tours* fait de rapides progrès Il a pris pour titre : *L'Avenir International*, et a son siège à la Bourse du Travail S'adresser à M BLANCHET, 14, rue du Change, Tours.

* * *

